

KVARMONATA, KULTURA KAJ MOVADA REVUO

# La LAMPIRO

49-a jaro n-ro 121 2008

## La Lupo kaj la Etanolo

## Virtuozoj de la gitaro

## Ĉeĥov: la animo de literaturo

# La LAMPIRO

49-A JARO N-RO 121 2008

*Oficiala Organo de EASP (Esperanto-Asocio de San-Paŭlo)*

*Kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo, senpaga por membroj de EASP*

**ĈEFREDAKTORO:**
Genildo Martins Coelho
genildomcoelho@uol.com.br
Tel. (11) 2791-6420

**REVIZIANTOJ:**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**KOMPOSTADO KAJ GRAFIKARANĜO:**
Joseo Tenorjo

**REDAKCIO:**
Rua Faustolo, 124
05041-000 - São Paulo - SP
**Retpoŝto:** lalampiro@easp.org.br

**ABONU "LA LAMPIRO"-N!**
Brazila abontarifo por 2008: R$ 25,00
Unuopa ekzemplero: R$ 10,00

*La Redakcio ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*




# Enhavo

## ARTIKOLOJ:



## POEMOJ:



## KAJERO "MOVIMENTO"



**KOVRILFOTO:**
Antono Ĉeĥov, oleopentraĵo de Osip Braz 1898.
Kolekto: Tretyakov Gallery

# Enkonduko

Karaj Legantoj

Jen vi estas legonta la duan ĉi-jaran numeron de La Lampiro.
En ĝi vi trovos 6 (ses) mirindajn poemojn kaj 7(sep ) altnivelajn artikolojn.
Ni prilaboris ĉion pensante pri vi.
Ni esperas, ke la enhavo de la revuo plaĉos al vi.
Ni petas de vi pardonon pri niaj eventualaj neperfektaĵoj kaj antaŭdankas vin por via kompreno.

La Redaktoro

## Etaj poeziaĵoj verkitaj de Aloisio Sartorato

### DUBO

Ie en la mond'
kaŝiĝas mia in'.
Ĉu mi iam en ĉi viv'
sukcesos trovi ŝin?

### HAJKI

Poeto instruas:
Hajki estas facile,
Sed talento nepras!

### MI DUONAS

Hieraŭ ni duopis.
Mi vin amis,
vi min amis,
Ni nin amis!
Sed hodiaŭ,
Ĉar vi foriris,
ni ne plu duopas,
kaj mi duonas!

### IU EN LA SPEGULO

Mi rigardas al la spegulo
kaj kiu montriĝas tie?
Ho! Ne mi,
sed vi –
la duono de mi!

# La kosmoŝipo

***Esperantigis: Fernando J.G. Marinho***



**André Trigueiro**
*"Mundo Sustentável"*
*(Daŭripova Mondo)*

## Atentu, sinjoroj pasaĝeroj !

Kun bedaŭro ni sciigas vin, ke ĉi-momente ni navigas tra la universo ene de kosmoŝipo, kiu inspiras al ĉiuj pasaĝeroj pli kaj pli grandajn zorgojn. Laŭ teknika vidpunkto, ni drivas, sed estas nenia motivo por paniko. Ankoraŭ eblas restarigi la favorajn flugkondiĉojn, se ĉiuj kunlaboros. Precipe la unuaklasaj pasaĝeroj.

La fumo ĵetita de la plej riĉaj en la atmosferon okazigis pligrandigon de la temperaturo de la spacnavedo je 0,6ºC en la lasta jarcento.Se ĉi tiu ritmo persistos, fine de la kuranta jarcento la temperaturo altiĝos de unu ĝis ses celsiusaj gradoj. Nia refreŝiga sistemo ne kapablas alfronti tiun globan varmokvanton. Nepras atentigi vin pri la situacio de la usona pasaĝero sidanta ĉe la unua vico. Se ĉiuj kunvojaĝantoj deziros imiti lian konsumadan kutimon, mankos akvo,nutraĵoj kaj energio por la daŭrigo de nia vojaĝo.

"Kontraŭ neesto ne helpas protesto"(Z), S-ro Georgo! Cetere, ne estas sufiĉe da akvo por ĉiuj. Aŭ ni evitu la malŝparon de la restantaj rimedoj, aŭ ni havos ekde nun gravajn problemojn. Ni atentigas vin, ke ni dividas la spacon kun aliaj specioj de vivuloj, kiuj alvenis ĉi tie antaŭ ol ni mem, kaj kiuj estingiĝas dekmiloble pli rapide ol antaŭ nia alveno. Ĉiu el ni havas apartan taskon en ĉi tiu kosmoŝipo. La estingiĝo de ĉiu animala aŭ vegetala specio do grave influas la ekologian ekvilibron. La distribuo de la pasaĝeroj en la spacnavedo estas misproporcia. Preskaŭ duono de la lokoj estas okupitaj de pasaĝeroj, kiuj vivtenas sin per po du dolaroj tage. Ni pardonpetas pro la malbonegaj vojaĝkondiĉoj de ĉi tiu grupo, sed notu, ke la kosmoŝipo ne kulpas pri tio. Ni estas ekipitaj per sufiĉaj rimedoj por ke ĉiuj faru trankvilan vojaĝon, sen aflikto aŭ sufero.

Se la distribuado de la rimedoj ne estas kontentiga, la problemo kuŝas sur la ŝultroj de tiu, kiu akaparis multe pli ol li bezonas, senkonsidere al la ĉirkaŭaj okazintaĵoj.

Kun bedaŭro ni konstatis, ke 800 mil pasaĝeroj estas subnutritaj, kaj, ke 24 mil mortas pro malsato, ĉiutage.

La spacnavedo estas pacema, sed kelkaj pasaĝeroj, ne.

Ĝenite, ni rimarkis, ke la kreskantaj elspezoj respondaj al la milita industrio sufiĉus por solvi la problemon pri malsato.

Gravas substreki, ke nia spacnavedo ne havas savelirejojn nek estas alia opcio por la pasaĝeroj, krom resti ĉi tie.

Desegnita laŭ avangardaj formoj, bluaspekta, nia veturilo estis kontruata por estiĝi la plej gastama ŝirmejo de la universo.

Tial ni petas, ke vi atentu pri la tumultoj okazantaj en Sud-Afriko, kie ĉiuj temoj pritraktataj estas urĝaj, kaj interesas nin.

Ni dankas vin ĉiujn pro la bonvolemo diskutadi pri la flugoplano, kiun ni sekvos ekde nun.

Ni memorigas vin, ke la respondeco estas de ĉiuj, kaj, ke la sukceso de ĉi tiu vojaĝo dependos de la pli aŭ malpli granda kontribuo de la kunlaborantoj.



(Al tiuj, kiuj ŝatas bildoseriajn dosierojn ni rekomendas malfermi la paĝon *http://www.npoint.com.br/sementeira/kosmosxipo.pps* kaj surklaki la butonon "somente leitura" )

# Ĉeĥov: la animo de literaturo



**Paulo Sérgio Viana**
*Lorena/SP*

*"La batalantoj por nia ideo jam longe konvinkiĝis, ke ĉiu nova grava verko, kiun ni povas montri al la publiko, efikas sur ĝin pli, ol ĉiaj plej lertaj teoriaj paroloj..."*

(L.L.Zamenhof)

Ĉu homoj posedas animon? Ĉu popoloj posedas animon?

Ne temas ĉi tie pri religiaj, mistikaj aŭ metafizikaj demandoj. Temas simple pri la potenca kapablo de literaturo. Ne ekzistas du egalaj homoj inter la ses miliardoj da kunfratoj sur la Tero; ne ekzistas du egalaj popoloj inter la nacioj kaj gentoj. Samtempe, ni ĉiuj, homoj kaj popoloj, havas tiom da komunaj trajtoj, ke ni similas formikojn, en formikejoj. Riĉiga homa studo estas do eltrovi inter ĉiuj homoj tion, kion ili havas komuna, kaj tion, kio distingas ilin. Kaj same pri la popoloj. Kiel fari tion? Ne sufiĉas anatomiaj sekcoj, geografiaj priskriboj, sociologiaj teorioj: animo ŝvebas alte super tiaj apenaŭ palpeblaj aspektoj. Nu, se ekzistas animo, kio ĝi estas – de homoj kaj de popoloj? Ĉu literaturo povas kontribui al ĉi tiu afero?

Tiaj (sinuaj, mi konsentas) pensoj venas al mi en la kapon dum legado de juvela libro: "Ĉeriza ĝardeno", de Anton Ĉeĥov (eld. Sezonoj, 2004). Mi varme rekomendas tiun belan kolekton da rakontoj kaj dramoj de la talenta ruso. Paĝo post paĝo, leganto ensorbas la animon de la rusa popolo. Tute ne temas pri patriota, laŭda montrado de virtoj de tiu bela gento. Male: tuta galerio da simpluloj, naivuloj, ruzuloj, pigruloj, egoistoj, trompistoj, idealistoj, sentimentaluloj, ĉiaspecaj popolanoj, kiu iom post iom, je malrapida parado, sin montras. Tre kurioze, ni grade ekkonas tiujn tute ne sanktajn, sed realajn hometojn. Kaj plej strange, laŭlonge de tiuj magiaj paĝoj, ni... ekamas ilin!

Ĉeĥov estis mirinda verkisto. Preskaŭ sen ornamoj, per frazoj kaj bildoj sekaj kaj celprecizaj, li formas riĉan mozaikon. Li ne beligas siajn scenojn, siajn rolulojn. Ili estas konstruitaj per karno kaj ostoj, kiel ni mem. Iamaniere, ni konas similajn personojn inter ni, kie ajn en la mondo. Ĉeĥov estas rafinita konanto kaj montranto de animoj.

Mafacile estus elekti inter la rakontoj la plej bonan. Certe oni ne atingus unuanimecon. Iuj legantoj preferus la amuzajn, aliaj la delikate melankoliajn, ankoraŭ aliaj la pitoreskajn. Persone, min ravis novelo kies titolo estas "La homo en ujo". Temas laŭ mi pri majstroverko. La teksto komenciĝas per ia ridinda, komedia, farsa tono, kaj finiĝas per sobraj konsideroj pri la vivo kaj la homaj rilatoj. Perfektaj atmosfero kaj ritmo en la fluado de la linioj. Vera surprizo, kiun mi antaŭe ne konis, eĉ en mia nacia lingvo.

Ĉeĥov estis kuracisto, kiu laboris en la landinterno de Rusio, kie li longe kaj profunde kontaktis la popolon en ĝia intimeco. Ĝisfunda psikologo li fariĝis. La stilo lumas simple, nature kaj samtempe subtile penetra. Al ni Esperantistoj, kurioza detalo en lia biografio estas , ke li frekventis la saman universitaton kiel Zamenhof, en la sama tempo. Tre probable ili konis unu la alian, almenaŭ supraĵe.

"Ĉeriza ĝardeno" enhavas 36 rakontojn kaj teatraĵojn, tradukitajn de deko da kompetentuloj. La bone zorgita eldono, firme bindita, proponas antaŭparolon, biografion de la aŭtoro kaj notojn pri ĉiu teksto. La nivelo de la Esperantaj versioj estas tre alta: dum la legado, oni forgesas, ke temas pri tradukoj. La tuto legiĝas flue kaj agrable, kaj bagatelajn stumbletojn ne indas mencii.

Kiam kun bedaŭro mi turnis la lastan paĝon, magio de literaturo jam kaptis min: per delikata akvarelo pentriĝis antaŭ miaj okuloj la animo de la rusa popolo. Kaj per tio, riĉiĝas mia propra animo.



# Maljuneco

*"Maljuni estas ebriiĝi per juneco"*

*"Juni estas scii maljuniĝi"*

(Nekonata poeto)

**José Dias Pinto**
*Santo André/SP*
jdpinto@directnet.com.br



Antaŭ proksimume du jardekoj mi parolis, en kulturkunveno aŭ esperanta renkontiĝo, pri mia maljuniĝo, ne tiom de mi konsciata kiom de aliuloj denuncata. Foje en la formo de iu insulta "foriru de antaŭ mi, maljuna idioto" elbuŝe de misvojirinta ŝoforo, kiu preskaŭ alkoliziis min. Alifoje, dum ia iea kunveno, junulo, de mi avertita pri la neadekvateco de la loko por lia provokema konduto, siavice avertis min, ke adekvata loko por maljunulo estas azilo. Mi mem foje antaŭjuĝe rigardis iun sesdekjarulon ne adekvata — pro la aĝo — por funkcio simila al tiu, kiun mi — samaĝa — laŭ mia propra konvinkiĝo kompetente kaj efike plenumis. Eĉ ne manifestinte mian penson mi ekpentis pri ĝi.



En tiu tempo ankoraŭ oni ne aŭdis pri geriatria pediatrio laŭ kiu, kaj ja laŭvere, maljuniĝo komenciĝas ĉe la naskiĝo, la komenco de la vivo-vojo. Tio sugestas ke, por tia grava vojaĝo, oni devas prepari sin, fizike kaj mense, same por la ĉirkaŭvojaj pejzaĝoj kaj aliaj vidindaĵoj, kiel por la survojaj stumbligiloj aŭ maltrafo de subceloj. La ĉefa celo estas la vojaĝo mem – al kiu kontribuos la intermeto kaj kundivido de ĝuindaĝoj kaj la neeviteblaj problemoj. Soleco estas ja nedezirinda kuniranto.

Survoje lerni zorgi pri la korpo kaj la spirito. Lerni venki obstaklojn, kiam ne indas aŭ ne eblas devojiĝi kaj ĉirkaŭiri ilin. Venki aŭ administri malfacilaĵojn, ŝanĝi la cirkonstancojn aŭ adaptiĝi al ili. Tio implicas la prepariĝon ankaŭ por toleri kaj pardoni, ekzemple kiam, lasinte malantaŭ si la plejparton el la vojo, oni trovas iun simpatipretendan junulinon kiu, per iu alinfanece tenera voĉo, elbuŝigas iun "kia beluleto!", intence konsola, sed envere incite ĝena. Kaj ne helpas la penso, ke tio estas kvazaŭreveno al la fora tempo, kiam samintencaj virinoj pinĉis niajn infanajn vangojn. Tio sugestas, ke ni revenas al la "dua infaneco", kiun eŭfemisme – eĉ se bonintence – oni baptis "la plej bona aĝo". Kaj tamen ĝi povas esti vivinda kaj certe ne nur pro tio, ke la sola opcio liberigonta nin el ĝi estas la morto.

Adaptiĝo-kapablo estas la fonto de la homa regado super la mondo, kun ĝiaj bona kaj malbona rezultoj. Ni ja adaptiĝe lernas kunvivi same kun la modernaj vivkomfortiloj kiel kun la poluo kaj krimeco. Adatiĝo al la lastaj helpas la sento, ke minoras malbonoj komunaj. Kaj tio valoras ankaŭ por la individua homo, kiu malofte, se iam, de sia juneco lernas saĝe distingi – el la vidpunkto de dezirinda longa kaj sana vivo – inter la aĵoj ĝuindaj kaj la evitindaj, inter la cirkonstancoj kiujn oni klopodu ŝanĝi kaj tiuj al kiuj oni nepre devas adaptiĝi. Batali aŭ rezignacii, sed ne rezigni. Batali por io inda kaj ebla, adaptiĝi al tio, kion oni ne povas nuligi aŭ ŝanĝi. Kaj, kiel iam Abramo Lincoln pripetis Dion, havi la saĝon distingi inter ambaŭ.

"Juni esta scii maljuniĝi", sed grandaĝo ne estas juneco kaj vole nevole oni devas akcepti la limojn, kiujn la jaroj mallarĝigas. Oni ne povas volisme ekspansiigi ilin, sed ankaŭ ne rezignacie anticipe rezigni pri la lukto senti sin viva. La erozio de la viglecoj fizika kaj mensa estas neeviteblaj, sed ordinare grandaĝuloj ne sentas la bezonon junulece ardi kaj vervi, superi proprajn kaj aliulajn rekordojn, paradi siajn plurkampajn kapablojn.

# Luno simbola

Georgo das Neves
http://georgapoemo.blogspot.com

La Luno estas ino, patrina dimensio,
vidpunkto de patrino interne de la viro.
Ĝi estas nia kerno, la baza familio,
la pordo de la hejmo, seruro kaj ĉarniro.

Dependas de la Luno la ritmo de la vivo,
mezuras ĝi la tempon necesan por l' akuŝo.
Ĝi regas la marmovojn, instruas por kultivo,
koncernas al la nutrado, al mamoj, al la buŝo...

Ĝi mortas kaj naskiĝas, ĝi estas la memoro,
reflekto, teorio, la akvo sur la fajro,
la larmoj, l' emocio, libido kaj pudoro;
ĝi estas monataĵo, la ŝuldo, la salajro.

La Luno estas nokto; ĝi povas esti tago,
ĉar sonĝo dum la nokto, matene estas revo.
ĝi estas la supozo, vualo, la imago
ĝi estas la promesoj, plenumo kaj ricevo...

La Luno estas ino, patrina dimensio,
vidpunkto de patrino interne de la viro.
Ĝi estas nia kerno, la baza familio,
la pordo de la hejmo, seruro kaj ĉarniro.

Sloganoj pri adekvata maniero spiti maljunecon pensigas pri filmo antaŭlonge spektita. Ĝia protagonisto kun junula entuziasmo kolektis stimulajn frazojn pri la kapablo de la volforto cele al bonsukcesigo en la konkero de bonstata socia pozicio. La muroj de lia dormĉambro iom post iom kovriĝis per paperfolioj kun la plej koncize kaj trafe elboritaj kaj motivigaj frazoj kiel, ekzemple, "voli estas povi; mi volas, do mi povas". Li montriĝis pli bona kolektanto de tiaj kartoj ol plenumanto de la necesaj premisoj. Provoj kaj frustroj sin sekvas kaj la filmo finiĝas per subpluva kaj laca piedirado de nia serĉanto de sloganoj, kiu fine tretas folion kun diklitera "Mi nepre venkos".

Kompreneble tamen, ke la malbonaj aĵoj, aferoj kaj eventoj afekcias nin ne nur per sia propra valoro, sed ankaŭ per la maniero kiel ni mem rigardas ilin. Ili certe pezas malpli severe kiam ni optimisme reagas al ili, ol kiam ni alfrontas ilin pesimisme. Mi optimisme nomas mian bastonon promenbastono, pesimisto nomus ĝin apogbastono aŭ stabiligbastono, kaj por nigrahumorulo eĉ lambastono.

Ankaŭ optimisma iluzio povas subteni maljunulon elteni nekomfortajn realaĵojn. Mi aŭdis iam pri grandaĝulo – negrave ĉu plene reala aŭ parte karikatura – kiun oni entribunale akuzis kaj kondamnis pro seksperforto kontraŭ junulino. Laŭ onidiro li ne defendis sin de la akuzo kaj tio kredigis lin kulpa. Juna amiko lia, aŭdinte pri la afero, ne kredis je ĝi. Li bone konis la maljunulon kaj sciis pri liaj maljunula fizika malvigleco kaj forta etika principaro. Li decidis do viziti lin en la malliberejo kaj esplori la aferon. Demandite de la knabo ĉu li fakte agis laŭ la akuzo, li respondis per serena sed firma tono: kompreneble ne. "Kial do vi ne defendis vin kontraŭ tia akuzo?", demandis la junulo. La respondo venis same serene kaj persvade: Mi sentis min tiel flatata, ke mi tute simple ne kapablis min defendi.



# Participoj en PV kaj PIV

## Ambaŭ devas meriti komencajn majusklojn



**Geraldo Mattos**
*Curitiba/PR*
*vespere de 2008.05.15*

Malpli da participaj eraroj aperas en PV ol en PIV, sed kelkajn ili dividas, respektive p. 322 [sen komo] kaj p. 764 [kun miskomo]:

*Mumio. Kadavro konservita per balzamaj procedoj.*

Post la konservo kadavro tuj putriĝas, sed ne dum ĝia konservo...

Mi scias, ke tia vortaro, kia PIV, estis farata per tre multaj manoj de tre multaj kapoj, sed tio ne senkulpigas la multajn erarojn kontraŭ la participoj en ege grava verko, oftege konsultata kaj pro tio senkonscia generanto de pliaj misuzoj de niaj participoj. Mi devas konfesi, ke mi ne tralegis ĝin serĉe de ĝiaj participaj maltrafoj, sed mi ĝin abunde konsultas por propraj bezonoj, kaj kelkaj el ĝiaj participoj eniris en miajn okulojn sen ia peto eniri tien... Kaj ĉiufoje mi registris la vidatan preteratenton.

Mi citos nur kelkajn el PIV 2002/2005, sed mi komencos per stranga ekzemplo, kiu ŝajne pruvas, ke kelkaj el la kunlaborantoj de PIV konis unu solan participon: la estintan... Jen ĝi [foresta en PV]:

*anatoksino. Toksino, per trakto perdinta sian toksecon, sed konservinta sian antigenecon k sekve sian imunigan kapablon.*

Se nun ni transformas la adjektivan participon en adjektivan frazon, ni vidos netan diferencon inter la du participoj sub la kondiĉo, ke ni pensu pri la intencata senco, kaj ne pri la efektive dirata senco:

... Toksino, kiu per trakto perdis sian toksecon, sed konservas sian antigenecon kaj sekve sian imunigan kapablon.

Por la estantaj participoj estas ne regulo, sed okazo, ĉar al adjektiva frazo kun estanta verboformo ĉiam respondas nur estanta participo [en PIV, sub rezervi]:

*... ekstra provizo de io lasata netuŝita por posta uzado* [en PIV, lasita].

... ekstra provizo de io, kion oni lasas netuŝita por posta uzado [sekve, lasata].

Se ni plu tenus la veran sencon de la dua participo en ĝia pasinteco, ni ne plu parolus pri la ordinara anatoksino, sed pri unu el la pasintaj, kaj tiam la difino ne plu estus adekvata al la nunaj kaj la estontaj anatoksinoj:

... Toksino, kiu per trakto perdis sian toksecon, sed konservis sian antigenecon kaj sekve sian imunigan kapablon.

Kaj tute kontraŭe, ni povus uzi la estantan verboformon ankaŭ por la unua ago, ĉar vortara difino plej bone estu ĝenerala:

Anatoksino. Toksino, kiu per trakto perdas sian toksecon, sed konservas sian antigenecon kaj sekve sian imunigan kapablon.

Kion do vere signifas la difino, kiun PIV donas al siaj legantoj per la du egale pasintaj participoj? Nu, Esperanto estas lingvo ne logika, sed kohera ene de si mem, kaj do ni povas uzi la unuan regulon, kiun mi donas al miaj gelernantoj en ilia unua leciono:

En Esperanto, kio validas por unu, tio validas por ĉiu!...

Sekve de tio, mi esperas, ke ĉiu el miaj legantoj konsentos kun mi pri la sencoj, kiujn havas la difino de PIV:

anatoksino. Toksino, post la perdo de sia tokseco per trakto, kaj post la konservo de sia antigeneco k sekve de sia imuniga kapablo [sed estus maltrafa sinsekvo].

Ŝajnas do al mi facile percepteble, ke la vortumo de PIV estas simpla lingva absurdo, kies korekto devus esti la sekvanta:

anatoksino. Toksino, per trakto perdinta sian toksecon, sed konservanta sian antigenecon kaj sekve sian imunigan kapablon.

Aliaj gravaj devioj troviĝas ĉe la sekvantaj kapvortoj de PIV: antikva [Ekzistinta] / artikolo [pritraktita] / distanco [sekvintan] / egala [sekvintaj] / kripo [okazinta] / Lucifero [supozita kaj ribelintaj] / mozarabo [restinta] / mumio [konservita] / okazi [~inta] / Pangeo [ekzistinta] / per [uzitan] / raslo [amasitaj] / respondi [akordita] / rezervi [lasita] / signifi [montrita] / teni [~inta] / Valdo [suferintaj] / Vendeo [okazinta].

Precipe gravaj estas la pekoj ĉe du netransiraj verboj, kies pasivaj participoj aperas per vera miraklo, ĉar ili ne ekzistas: amasitaj kaj akordita. Pruvo de miaj hazardaj participaj trovoj estas la nuna sub la vorto amaso: ... amaso da neĝo, estiĝinta sur ŝirmitaj lokoj dum neĝa ventego. Se ŝirmi estas evitigi, post la evitigo ne plu estas ŝirmo: sekve, ŝirmita estas senŝirma, ĝuste kiel protektita, kiu estas senprotekta!...

Kvankam neglektata, la numeroj 12 kaj 13 de la 22-a paragrafo de la Ekzercaro permesas al ni konkludi pri la vera uzo de niaj participoj kaj difini iliajn sencojn:

Mono havata estas pli grava ol havita:

– Mono dum gia havo estas pli grava ol post ĝia havo.

Pasero kaptita estas pli bona, ol aglo kaptota.

– Pasero post ĝia kapto estas pli bona, ol aglo antaŭ ĝia kapto.

Kaj mi do nun ĝeneraligas el tiuj du ekzemploj:

-anta / -ata: dum la fakto indikata de la verba radiko aŭ radikalo.

-inta / -ita: post la fakto indikata de la verba radiko aŭ radikalo.

-onta / -ota: antaŭ la fakto indikata de la verba radiko aŭ radikalo.

Lamentinda kon-stato:

se veninta estas homo post la veno, tiam devinta kaj povinta estas respektive:

homo post la devo kaj homo post la povo.

Sekve, ne plu devanta kaj ne plu povanta.

Kaj mi atendas refuton... Mi tamen kon-scias, ke kutimoj estas pli fortaj ol leĝo, eĉ se idiotaj. Tiaĵojn ni devus eviti en nia regula Esperanto.

Kaj lasta konsolo: participaj eraroj ne estas lingvaj eraroj, sed sencaj, kvankam ĉi tiuj estas pli danĝeraj, precipe en vortaroj...



*Geraldo Mattos
Direktoro de la Sekcio pri Literaturo
Rua Rio Jutai, 320 Atuba
BR 82840-420 Curitiba PR
55 41 3238 4056
55 41 3367 9706 kaj faksilo
gmattos@brturbo.com.br
geraldomattos@netpar.com.br

**Laŭ informo de la aŭtoro de la teksto, ĝi iras ankaŭ al Michel Duc Goninaz, ĉefa gvidanto de PIV.

Mário de Andrade

# Kvardekjaraĝo

La “kvardek jaroj” de Mário de Andrade: provtraduko

Tradukis:
**Fabricio Possebon**
*Profesoro ĉe Federacia*
*Universitade de Paraíba*
*João Pessoa/PB*
*possebon@usp.br*

Mia viv’, laŭ onia konsidero,
estas senlaca, vera feliĉo,
mi ne plu scias en kiu kondiĉo
la ĝuo diferencas de l’ sufero.

Mi scias, ĉio estas efemero,
sed mi daŭrigas en mia sufiĉo
kaj diras: la viv’ estas inda riĉo
kiun mi amis, jen peko... Infero

estus, kiam la maljunaĝo venas
kaj mi plene ĝuas preter la sorto,
alligi min al ĉi vivo malfida.

Mia fin’ estiĝos, dum esper’ benas.
Venu, dormo, kaj vi, aminda morto,
sama tromp’ estas mia viv’ solida.



**Mário de Andrade** (1893-1945) verkis ĉi tiun soneton, kiam li estis kvardekjaraĝa. En tiu momento li faris ian bilancon de sia vivo kaj ŝajne lia plej bona produktado jam estis preta. Kiel modernisto, li ofte rifuzis la tradiciajn paradigmojn kia estas la soneto kaj la konstanta silabnombro. Pro tio, tiu poemo estas aparte kurioza. Ni fine rekomendas la legadon de la traduko de Francisco V.Lorenz (Brazila Antologio Poezia, Societo Lorenz, 1994, p. 281).

Movimento
CADERNO COM O PANORAMA DO PROGRESSO DO ESPERANTO
ANO 6 – Nº 18 – 2008

# 20º Encontro de Esperanto da Cidade de São Paulo



Cerca de 80 pessoas participaram do 20º Encontro de Esperanto da Cidade de São Paulo (ERUSP) que ocorreu no dia 22 de junho de 2008 na sede da USE-Santana (União das Sociedades Espíritas do Estado de São Paulo), Rua Dr. Gabriel Piza 433, Zona Norte da Capital. O palestrante convidado para o evento deste ano foi o médico Dr. Floriano Pessoa Filho, da cidade de Leme/SP, que apresentou o tema "Neurologiaj Aspektoj de Idealismo" (Aspectos Neurológicos do Idealismo). Ao final da interessante palestra, os presentes prolongaram o tema com muitas perguntas ao palestrante.

A abertura do evento ocorreu às 15h com a apresentação da cantora Margarete Aquila que encantou o público com canções em Francês, Inglês, Hebraico e Esperanto. Ao término da palestra, alunos do Pirituba Esperanto-Grupo apresentaram várias canções em Esperanto, acompanhados pelo coro dos presentes. Em seguida foi a vez do carismático cantor de Rap, Antônio Moreira Filho, que infelizmente desta vez não pode eletrizar os participantes, pois o aparelho de som não funcionou no momento de sua apresentação.

Apesar de o Encontro de Esperanto da Cidade de São Paulo, este ano, ter ocorrido apenas na parte da tarde, desde manhã já havia pessoas no local do evento, onde aconteceu, das 10h às 12h, a Reunião Temática "Enlanda kaj Internacia Ekzamenoj: du apartaj mondoj." (Exames Nacional e Internacional: dois mundos à parte) com a participação de 20 esperantistas. A reunião foi organizada pela Seção Brasileira da ILEI (Liga Internacional dos Professores Esperantistas), que repassou aos participantes a brochura "La Komuna Europa Referenckadro" (Quadro Europeu Comum de Referência para as Línguas). A brochura é um presente da Associação Universal de Esperanto (UEA), que reformará seu sistema de Exames Internacionais com base nas propostas da obra pedagógica do Conselho da Europa. Durante todo o evento, o serviço de venda de livros da Seção Brasileira da ILEI ofereceu aos participantes títulos recentemente importados, entre eles o indispensável Manlibro pri Instruado de Esperanto" (Manual do Ensino do Esperanto).



# Aperfeiçoamento em Esperanto



Palestra proferida por **Floriano Pessoa***
na Cooperativa Cultural dos Esperantistas
em 3 de dezembro de 2001

Aprender bem o esperanto é possível, mesmo quando dispomos de poucos livros e publicações, e não dispomos de professor. Quem duvida, lembre-se de que nossos pioneiros, os primeiros esperantistas do Império Russo, tinham apenas um livrinho de 48 páginas (Internacia Lingvo - antaŭ parolo kaj plena lernolibro, por rusoj), de autoria de um misterioso Dr. Esperanto - o qual continha, além de uma gramática com dezesseis regras, um vocabulário de cerca de oitocentas raízes. O livrinho era vendido a 15 copeques, ou centavos de rublo. E apesar de tão modestos recursos, foi assim que aprenderam nossa língua o engenheiro Antoni Grabowski - o primeiro homem a falar com Zamenhof em esperanto e tradutor da epopéia polonesa Sinjoro Tadeo; o médico Kazmierz Bein, notável estilista de *La Faraono*, mais tarde conhecido como Kabe, e muitos outros escritores dos primeiros tempos do movimento.

Graças ao caráter aglutinante/isolante do Esperanto, tão bem descrito por Zamenhof, no prefácio dessa primeira brochura, pôde-se também usar o novo idioma para comunicação escrita, mesmo com pessoas que dele nada sabiam: mediante o uso das "chaves", opúsculos que continham um resumo das dezesseis regras básicas e um pequeno vocabulário. Vá lá, que nós não temos a pretensão de ser Grabowski ou Kabe, mas podemos, sim, nos inspirar no seu exemplo e, com algum esforço, deixar de ser eternos principiantes. No Brasil, esperantistas do nível de Caetano Coutinho e de Ismael Gomes Braga nos contam que aprenderam o idioma lendo, respectivamente, um pequeno manual elaborado por Louis de Beaufront, e o Ekzercaro, de Zamenhof. Nesta conversa de hoje, pretendo dar algumas sugestões de leitura e do procedimento a seguir por quem, tendo concluído o curso básico, queira progredir.

Antes de relatar minha própria experiência, transcrevo a observação do escritor Fernando de Diego, da Academia de Esperanto, autor de várias traduções de obras famosas da literatura internacional, num de seus livros:

A leitura atenta de obras literárias de vários tipos, associada ao uso permanente dos dicionários, ao se ler e escrever a língua internacional, constituem o meio mais eficaz para chegar ao seu domínio, tanto no aspecto gramatical quanto no lexicológico. Convém usar simultaneamente um dicionário espanhol-esperanto e outro esperanto-esperanto, a fim de definir melhor a abrangência e os matizes semânticos de cada palavra objeto da consulta".

Esse mesmo autor recomenda, para uso em cursos de aperfeiçoamento, as seguintes obras: "Paŝoj al plena posedo" (W. Auld), "Proverbaro" de Zamenhof, "Pri lingvo kaj aliaj artoj" (Auld), "Esperanto em Perspektivo" (Lapenna e equipe), "Kumeŭaŭa, la filo de ĝangalo" (Tibor Sekelj), "La Luzidoj" (Camões; tradução de Leopoldo Knoedt), "Lingvo kaj vivo" (Gaston Waringhien), "1887 kaj la sekvo" (Waringhien).

Neste ponto incluirei meu próprio depoimento: como foi e tem sido meu aprendizado de Esperanto; como acho que,

idealmente, deveria ter sido. Nesta língua, eu sempre fui autodidata, talvez porque, na época em que tive o primeiro contato com o idioma, eu estivesse muito empenhado em fazer o curso vestibular da Engenharia Química, para compensar meu péssimo curso secundário. Não sobrava tempo para freqüentar outros cursos. Mas fiz, na Liga Brasileira de Esperanto, os exames dos três níveis: elementar, superior e magistral.

Meu primeiro livro de Esperanto foi o "Primeiro Manual", originalmente editado pela Librairie Centrale Esperantiste, e traduzido em português por Ismael Gomes Braga. Esse primeiro contato com o Esperanto eu o tive em 1953, em Recife, onde fez rápida escala o navio do Loide Brasileiro que me trazia de Manaus ao Rio. Na capital pernambucana havia-se realizado um congresso de esperanto e, em decorrência desse evento, algumas livrarias ainda expunham livros da língua internacional. No ano seguinte, 1954, visitei pela primeira vez a Liga Brasileira de Esperanto, na Praça da República, onde conheci o presidente Carlos Domingues, o padre João Batista Kao, chinês, cuja palavra fluente em esperanto deixou-me indelével impressão.

Na Liga comprei, por sugestão de alguém, ou por curiosidade própria, as seguintes obras: "Esperanto sem Mestre" (Lorenz), numa edição antiga, sem os acréscimos introduzidos mais tarde por Luis Porto Carreiro Neto, "La tuta Esperanto", de Seppik, "Bensona Esperanto-Metodo", muito bom livro para uso internacional; alguns livros de leitura: "Koro", de Edmondo de Amicis, "Esperanta Krestomatio" (a "Fundamenta Krestomatio" estava esgotada e não saira ainda a edição de 1954); "Esperanto-Modelo", compilado pelo incansável Ismael Braga, um dicionário bilingüe e o indispensável "Plena Vortaro", da SAT, embrião do futuro PIV.

Meu aprendizado se deu pela leitura e manuseio desses livros, da revista "Brazila Esperantisto", da revista "Esperanto", da UEA, e de contatos, conversas com aqueles poços de sabedoria que eram Carlos Domingues, Caetano Coutinho, Costa Filho, João Batista Mello e Souza, Porto Carreiro Neto, em raras ocasiões o próprio Ismael, que foi meu examinador no exame elementar; Jozefo Joels, e, mais tarde, Geraldo Pádua.

Em 1955 conheci Sylla Chaves, que fora cumprimentar-me à saída de um curso de Esperanto, que eu apresentava na Rádio Roquete Pinto. Mais tarde o contato com Sylla, que então viajava muito e até vivia no exterior, e cuja competência é de todos conhecida, também contribuiu para meu desenvolvimento.

Nessa época, dado o prestígio que lhes conferia sua posição de professores universitários, ou do Colégio Pedro II, seu indiscutível saber e as amizades que mantinham nos meios acadêmicos, Carlos Domingues e Mello e Souza atraiam para o círculo esperantista celebridades como Antenor Nascentes, Rocha Lima, Cândido Jucá Filho, os quais compareciam a almoços festivos e a outras solenidades, em que manifestavam sua simpatia ao Esperanto. Cada contato desses valia mais que muitas aulas, porque qualquer manifestação desses eminentes filólogos trazia sempre embutida uma lição.

Já vimos que nossos pioneiros aprenderam a partir de um livrinho, descobrindo, por seu próprio trabalho, o imenso potencial do esperanto, que o "Unua Libro" não podia, nem pretendia esgotar. Mas esse é um método penoso e inacessível ao aluno médio. Qual seria, então o método ideal para o aprendizado do esperanto? Quem tiver acesso a bons professores, deve aproveitá-los. Mas, principalmente hoje, quando dispomos de tantos métodos bons, sejam brasileiros (por exemplo, os de Sylla Chaves, Sartorato, Jair Salles), estrangeiros, ou internacionais (como, "Saluton!", de Audrey Child-Mee); programas de rádio, televisão, Internet,

